der esperantist

Mitteilungsblatt des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR

21. Jahrgang Nr. 131 (3/1985) ISSN 001 4-0619 30 Pf

# Alvoko

## Okaze de la 40-a datreveno de la venko super la Hitler-faŝismo kaj de la liberigo de l'germana popolo. Karaj kunŝtatanoj! Karaj kamaradoj kaj amikoj!

Kune kun ĉiuj, kiuj pledas por paco, akordiĝo inter la popoloj, socia progreso kaj humaneco, nia popolo solenas la 40-an datrevenon de la venko de l'Sovetunio super la Hitler-faŝismo kaj de la liberigo de l'germana popolo el nazi-regado. Kune kun ĝiaj aliancanoj en la koalicio kontraŭ Hitler, kun Usono, Francio, Anglio kaj aliaj ŝtatoj, kiel ankaŭ kun milionoj da batalantoj por libereco en la tuta Eŭropo la sovetia ŝtato gajnis la venkon super la Hitler-faŝismo. La sovetia popolo kaj sia glorplena armeo portis la ĉefan ŝarĝon de la batalo. Ili donis la plej grandan kontribuon por la ekstermo de la faŝista pesto.

Post la Granda Oktobra Socialisma Revolucio tiu ĉi venko estas la dua liberiga ago mondhistoria dum nia jarcento, kiun la sovetia popolo efektivigis. La venko savis la civilizacion de la mondo el la faŝista barbareco. Ĝi ankaŭ alportis liberigon al la germana popolo el la jugo de la nazia regado. Ĝi malfermis la vojon al establo de la Germana Demokratia Respubliko. Sur ĝi baziĝis kvar pacaj jardekoj en Eŭropo.

Nia tuta vivo, nia laboro kaj nia batalo estas ligataj per milionoj da fadenoj kun la 8-a de majo 1945, la tago de la liberigo. En la Germana Demokratia Respubliko la 40-a datreveno de la venko super la Hitler-faŝismo estos mejloŝtono sur la vojo al la 11-a partikongreso de la Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio.

Neniam ni forgesos, kiujn viktimojn la venko kaj liberigo kostis. La sanga konto de la germanaj faŝistoj ampleksas preskaŭ kvindek milionojn da homoj. Al ili apartenas 20 milionoj da sovetiaj ŝtatanoj, pli ol 6 milionoj da poloj, 1 700 000 da jugoslavoj, 600 000 da francoj, 400 000 da usonanoj, 375 000 da britoj. De la germana popolo la faŝista milito postulis pli ol 6 milionojn da viktimoj.

La testamentaĵo de la mortintoj estas al ni averto kaj devoligo. Kion juris la batalantoj kontraŭ la faŝismo, tio gvidas nin hodiaŭ en la batalo por paco kaj socialismo.

### Sovetunio portis la ĉefan ŝarĝon de la batalo

La Hitler-faŝismo ekmarŝis por akiri la mondregadon en la intereso de la germanaj monopoluloj kaj grandagraruloj. Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Pollando estis la unuaj viktimoj. Post la konkero ankaŭ de la plej multaj aliaj landoj eŭropaj la faŝismo sin ĵetis sur Sovetunion. La bastiono de la socialismo, la avangardo de la homara progreso, estis neniigota. Tiel la dua mondmilito antaŭ ĉio ricevis la karakterizaĵon de fortomezurado inter du sociaj sistemoj — inter la plej reakcia imperiisma regadsistemo unuflanke kaj la socialismo aliaflanke.

Sovetunio provis formi, ĝustatempe sistemon de kolektiva sekureco kontraŭ la agresonto. Konsidere al la kontraŭsovetia pozicio de okcidentaj kapitalismaj ŝtatoj tiu ĉi pacpolitiko ne sukcesis. La konsekvenco: Ilin, tiujn ĉi ŝtatojn, Hitler-Germanio ankoraŭ pli frue milite atakis ol Sovetunion, por formi al si teritorie sufiĉe profundan kaj ekonomie fortan postregionon por la atako kontraŭ Sovetunio.

La sovetia-germana fronto fariĝis la ĉefa fronto de la dua mondmilito. Ĉi tie okazis la militdecidaj batalegoj. La faŝistaj trupoj murdis kaj marodis. Ili ebenigis urbajn, vilaĝojn, industriajn fabrikojn kaj lernejojn. La materiala damaĝo de Sovetunio sumiĝis je pli ol 2 bilionoj da rubloj. Sed la Ruĝa Armeo kaŭzis al la rabema agresinto tiujn detruigajn malvenkojn, kiuj fine efikis la frakason de Hitler-Germanio kaj ties senkondiĉan kapitulacion. La antaŭdiro de Thälmann realiĝis: Stalin pereigis Hitleron.

**La venko de Sovetunio** en la Granda Patrolanda Milito de la sovetia popolo pruvis la historian superecon de la estonton-portanta socialisma socio kaj montris: Neniam povos

sukcesi, venki la socialismon kaj restarigi kapitalisman ekspluatantan ordon. La socialismo reprezentas la historian progreson, la bonfarton kaj estonton de la popoloj.

**La venko de Sovetunio** influis la tutan pluan iron de la mondhistorio. Ĝi kunportis profundegan ŝanĝiĝon de la internacia fortoproporcio; la evoluon de l'socialismo al mondsistemo, la prosperon de la komunisma kaj laborista movadoj, la ŝtorman nacian kaj socian liberigon kaj la disfalon de la imperiisma kolonia sistemo.

**La venko de Sovetunio** estis la rezulto de la sinoferema laboro de la tuta sovetia popolo, la rezulto de la prudenta gvidado de l'Komunista Partio de Sovetunio kaj ĝia Centra Komitato kun J. V. Stalin ĉekape. Ĝi estis la venko de la sovetia militarto, de elstaraj armeestroj kaj de la amasa heroismo de la sovetiaj soldatoj.

**La venko de Sovetunio,** kies materialajn kaj spiritajn fundamentojn la faŝismo provis estingi, estis venko de la nedetrueblaj ideoj de socialismo, de la doktrinoj de Marks, Engels kaj Lenin. Ĝi estis la pruvo de la politika kaj morala superecoj de la socialisma soci- kaj ŝtatordo super kapitalisma ekspluado kaj subpremado. Ĝi estis akirita por mondo sen sklavigo kaj senrajtigo de la laborantaj homoj, por paca mondo, en kiu iam ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj estos amikoj unu kun la aliaj, ĉar ĉe neniu validos alia principo ol tiu de laboro kaj bonstato de l'homoj.

## Germanaj kontraŭfaŝistoj en la fronto de la venkintoj

Batalante kontraŭ la nazia kliko elformiĝis ĝis tiam unika fronto de popoloj kaj ŝtatoj, de diversaj sociaj kaj politikaj rondoj, de rezistadaj kaj liberigaj fortoj. Estiĝis larĝaj popolmovadoj kontraŭ milito kaj faŝismo, por libereco, demokratio, nacia sendependeco kaj socialismo.

Neniam ili estos forgesistaj, la herooj de Brest, Moskvo, Leningrad kaj Stalingrad, la polaj soldatoj, la batalantoj de la franca Resistance, la jugoslavaj partizanoj, la batalantoj de la slovaka nacia leviĝo, la kuraĝaj kontraŭfaŝistoj de Amsterdam, la defendantoj de Narvik, la viktimoj de Marzabotto, la viroj kun la ruĝa flago sur Akropolo.

Kaj neniam estos forgesitaj la germanaj kontraŭfaŝistoj. Post la malvenko de la Novembra Revolucio 1918 la germanaj komunistoj estis la unuaj viktimoj de la kontraŭrevolucio. Ni rememoras je Karl Liebknecht kaj Rosa Luxemburg. La germanaj komunistoj pagis la plej grandan sangotributon jam batalante kontraŭ la fortiĝanta faŝismo. Ili avertis: Kiu balotos Hitleron, elektos militon!

Preninte regpotencon en januaro 1933 helpe de grandkapitalo kaj orientelbaj junkroj, la nazioj renkontis rezistegon de la germanaj komunistoj: En nelegaleco, en prizonoj kaj koncentrejoj, en la Interbrigadoj, en ekzilo. Multaj el ili donis sian vivon. Ernst Thälmann estiĝis simbolo de kuraĝo kaj rezistemo de la germanaj komunistoj, de ĉiuj, kiuj staris kontraŭ Hitler. La Komunisma Partio de Germanio neniam rezignis pri enlanda batalo kontraŭ la faŝismo. Ĝi batalis kune kun socialdemokratoj, kristanoj, burĝaj demokratoj kaj patriotaj oficiroj por agada fronto kontraŭ Hitler. Esprimo de tiu strebado estis i. a. la Nacia Komitato kaj movado „Libera Germanio", estanta larĝa batalligo de germanaj kontraŭfaŝistoj en kaj ekster Germanio.

Tial la komunistoj povis elpaŝi tuj post la liberigo je la 11a de junio 1945 antaŭ la popolo per la Alvoko de la Centra Komitato de KPD. En ĝi tekstas: Neniun ripeton de la eraroj de 1918! Neniun indulgon je naziismo. Kaj: „Neniam plu kalumniado kaj malamikeco kontraŭ Sovetunio!" Tio estis la „alia Germanio", kiun la komunistoj ĉiam prezentis. Tio estis la nova Germanio, kiu ekde nun estu faktoro de paco kaj socia progreso.

## Ni en GDR utiligis la ŝancon de 1945

La liberiga faro de Sovetunio malfermis al nia popolo la ŝancon de kontraŭfaŝisma, demokratia kaj socialisma novkomenco. Tiun ŝancon ni utiligis. Ni faris tion laŭ ĉiuj spertoj de la germana historio, de la germana laborista movado ekde Karl Marx kaj Friedrich Engels.

Ni scipovis utiligi la ŝancon ĉar ni konkludis la plej gravan instruon. Tio estis la kreo de unueco de la laborista klaso, esprime per unuiĝo de KPD kaj SPD al Socialisma Unuiginta Partio de Germanio en aprilo 1946. La gvidado fare de marksisma-leninisma partio de la laborista klaso estas fundamento de ĉiuj kontraŭfaŝismaj, demokratiaj fortoj.

Post la liberiĝo ni ĵuris: Neniam plu ekflamu milito de sur germana tero. Tio estis gravega parolo, portata de la intereso kaj la volo de milionoj da civitanoj de nia lando. Kaj dekomence ĝi estis pli ol konfeso, ĉar ni kreis la kondiĉojn por ties realigo. Laŭ la Kontrakto de Potsdam ni ekstermis militismon kaj la imperiismajn radikojn de milito. Eĉ dum la liberiga jaro ni plenumis la demokratian grundreformon kaj lernejan reformon. La fabrikoj de nazioj kaj militkrimuloj proprietiĝis al la popolo. Estiĝis demokratiaj administradaj kaj sekurecaj organoj, kontraŭfaŝisma juĝistaro.

En oktobro 1949 Germana Demokratia Respubliko fondiĝis. Tio estis turnopunkto en la germana historio kaj en la historio de Eŭropo. Nia respubliko naskiĝis kiel la unua germana pac-ŝtato. En ĉi tiu horo ĝi sin starigis al la flanko de nia liberiginto, Sovetunio, al la flanko de la aliaj socialismaj ŝtatoj. Ĝi vivas amikece kun ĉiuj popoloj. Dum unueca revolucia proceso plenumiĝis kontraŭfaŝismademokratia renversiĝo kaj kreiĝis la fundamento por konstrui socialismon. Hodiaŭ ni realigas la evoluintan socialisman socion. 40 jarojn post la liberiĝo Germana Demokratia Respubliko estas ŝtato tutmonde havanta grandan renomon pro sia porpaca agado kaj la kreiva laborado de siaj civitanoj. Sukcese ni efektivigas nian politikon de socia ĉeftasko, tio estas unueco de ekonomia kaj sociala politiko. La regpovo de laboristoj kaj kamparanoj staras sur stabila fundamento. Nia popola ekonomie dinamike kaj efike evoluas dank' al la diligento kaj scipovoj de la laborista klaso, la kooperativaj kamparanoj, la intelektularo kaj de ĉiuj aliaj laboruloj. Ĉiuj eblecoj de kunlaborado

kaj kunregado, alta klereco por ĉiuj, sociala sekureco kaj ŝirmiteco, vera libereco kaj certeco pri estonteco, tiuj estas la signoj de la ĉi-tiea vivo, kie libera popolo sur libera grundo mem determinas sian sorton. Ĉion, kio okazas, ni faras por la bonfarto de la popolo, por la feliĉo de la homoj.

Ni — tio estas la civitanoj de nia lando konfide ligitaj al la partio de la laborisa klaso. Ni — tio estas la partioj kunagantaj en la Demokratia Bloko kaj la Nacia Fronto, Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio (SED), Demokratia Kamparana Partio de Germanio (DBD), Kristan-Demokratia Unuiĝo (CDU), Liberal-Demokratia Partio de Germanio (NDPD), tio estas Libera Germana Sindikata Ligo (FDGB), Libera Germana Junularo (FDJ), Demokratia Virina Ligo de Germanio (DFD), kaj la aliaj amasorganizaĵoj kaj milionoj da senpartiuloj.

Pririgardante la vojon pasintan ekde la liberiĝo, ni povas diri: la nedetruebla frata ligo inter SED kaj KPSU, inter niaj popoloj kaj ŝtatoj nombras inter la plej grandaj sukcesoj de nia evoluo. En la popolo de GDR la amikeco kun Sovetunio profunde enradikiĝis. Sovetunio, tio estis por multaj la unua pano dum tempo, en kiu ankoraŭ flamis bataloj. Sovetunio, tio estis por multaj la unua renkontiĝo kun socialismo, ĝiaj kulturo kaj humanismo. Sovetunio, tio estiĝis por milionoj ĉiutagaĵo de kamarada kunlaboro pri komuna celo.

Hodiaŭ ni vive realigas la kontrakton inter GDR kaj USSR pri amikeco, kunlaboro kaj reciproka helpo de 1975. Hodiaŭ ni efektivigas la longdaŭran programon pri kunlaboro de GDR kaj USSR en scienco, tekniko kaj produktado ĝis la jaro 2000. Ĉiuflanke nia ekonomia, politika, ideologia kaj armea kunlaboro kun Sovetunio evoluadas. Forton kaj ŝirmon donas nia plenpova partopreno en KEI kaj nia aktiva membreco en la ligo de Varsovia Kontrakto.

## La rezultoj de la milito estas por ĉiam netuŝeblaj

Kiam la 8-an de majo 1945 Sovetunio kaj ĝiaj aliancanoj disbatis la faŝisman reĝimon, la Germana Regno estis pereinta jam en la flamoj de la dua mondmilito. Tiu ĉi rezulto de la historio estas difinitiva.

Sur germana teritorio estiĝis du ŝtatoj — la socialisma Germana Demokratia Respubliko kaj la kapitalisma Federacia Respubliko Germanio. Ili estas du suverenaj, unu de la alia sendependaj ŝtatoj. Ili estas elementoj de la ekvilibro de fortoj, kiel ĝi formiĝis el la rezulto de la milito kaj de la postmilita tempo. Tial do, ili estas nepraj por paca ordigo en Eŭropo.

Ankaŭ por la dua germana ŝtato, FRG, validas la sindevigo fari ĉion, por ke neniam plu ekestu milito de sur la germana teritorio. En tiu ĉi senco la Federacia Respubliko estas ligata al la interkonsentoj de Jalta kaj Potsdam, al la Fina Akto de Helsinki kaj al la kontraktoj kun GDR, USSR, PR Pollando kaj ĈSSR. Kiu en FRG pretendas voli la pacon devas respekti la spiriton kaj tekston de tiuj ĉi kontraktoj.

Al tio kontraŭas la provoka lokigo de Pershing II kaj Cruise Missiles, kiuj plialtigis la danĝeron de nuklea inferno — de milito en kiu ne ekzistus venkinto kaj venkitoj.

Al tio kontraŭas, ke iuj homoj en Bonn, kuraĝigitaj de la atomaj potencoj de Usono kaj de NATO, laŭte kriante starigas revenĝemajn postulojn. La provo korekti la rezultojn de la dua mondmilito kaj de la postmilita evoluo, kompreneble ne havas ŝancon je sukceso. La fondiĝo de GDR estis decida historia malvenko de ĉiu ajn revenĝa politiko.

Al ĉiu babilado pri la „ekzisto de la Germana Regno en la landlimoj de 1937" ni kontraŭis en la daŭro de 40 jaroj ĉiutempe per laŭmerita refuto. Tio okazos ankaŭ estonte.

Fakto estas: La paca ordigo en Eŭropo, pro kiu estis elverŝita tiom da sango dum la batalo kontraŭ la hitlera faŝismo, postulas la rekonon, sekurecon kaj netuŝeblecon de la landlimoj de ĉiuj ŝtatoj sur nia kontinento. Kiu en FRG parolas pri la 8-a de majo 1945, kiel pri tago de funebro, pri kapitulacio anstataŭ pri liberigo kaj kiu volas ŝanĝi la eŭropan landkarton, starigas sin en la ofsajdon de la historio kaj minacas la pacon en Eŭropo.

## La ĉefa instruo el la milito estas: Sekurigi la pacon

Kvar jardekoj post la disbato de la faŝismo estas la paco denove en minaco. La plej agresivaj rondoj de la imperiismo, ĉefe de Usono kaj NATO celas profiti de atingo de armea supereco, entreprenante la ĝis nun plej masivan provon por ŝanĝi la rezultojn de la dua mondmilito kiel ankaŭ de la postmilita periodo. Per sia politiko de intensigita atoma armado kaj de ĉantaĝo ili celas al mondregado. Ili celas al perforta forigo de la socialismo. Ili direktas sin kontraŭ la naciaj liberigaj movadoj, por kio en niaj tagoj la agresminacoj de Usono kontraŭ Nikaragvo estas drasta ekzemplo.

Pli aktuala ol iam ajn estas la ĉefa instruo el la dua mondmilito kaj la testamento de la kontraŭfaŝismo: kunigi ĉiujn fortojn por malebligi nuklean inferon.

En la plej danĝera situacio post la dua mondmilito, fronte al la atako de la imperiismo kontraŭ ĉio, kio reprezentas progreson, ni deklaras: Spite nun — ĉio por la paco!

POR LA PACO — tio signifas, post la lokigo de usonaj atomaj ekbataj armiloj en FRG kaj aliaj okcidenteŭropaj landoj fari ĉion por plifortigi kaj defendi la socialismon. Ĉiu povas kontribui al tio sur sia loko, per sia ĉiutaga laboro. Socialismo kaj paco estas unu!

POR LA PACO — tio signifas, pli ol iam ajn strebi al pli alta laborproduktiveco, realigi ampleksan intensivigon en ĉiuj sferoj, evoluigi la produktivajn fortojn en nia respubliko, konforme al la plej altaj internaciaj postuloj, kaj kun engaĝo fari ĉion, por pruvi ĉiutage la historian superecon de la socialismo helpe de kreskanta ekonomia kaj sociala rezultoj.

POR LA PACO — tio signifas, orienti la eksteran kaj sekurecan politikon al stopado de la fatala vetarmado. Ni bonvenigas la inter-

konsenton inter Sovetunio kaj Usono pri novaj traktadoj pri la tuta komplekso de nukleaj kaj kosmaj armiloj. Sovetunio deklaris sin preta konsideri la plej radikalajn solvojn, se tio permesos haltigi la armadŝraŭbon kaj malebligos armigadon de la kosmo.

POR LA PACO — por tio ekzistas proponoj de la socialismaj ŝtatoj pri ĉesigo de armea konfrontado kaj pri reveno al malstreĉiĝo: frostigo de ĉiuj nukleaj amasneniigiloj; rezigno de ĉiuj pri atomarmiloj laŭ la ekzemplo de Sovetunio; malarmado laŭ la principo de egaleco kaj de sama sekureco; kreo de zonoj liberaj de nukleaj armiloj, je kio GDR estas preta disponigi sian tutan teritorion; malebligo de produktado, stokado kaj ekuzo de kemiaj armiloj; subskribo de kontrakto inter la Varsovia Kontrakto kaj NATO pri neaplikado de armea perforto kaj pri konservado de pacaj rilatoj.

POR LA PACO — por tio ni agas, ne permesante al la plej agresivaj imperiismaj fortoj atingi armean superecon kaj kontribuante al la sekurigo de la armea ekvilibro inter la Varsovia Kontrakto kaj NATO. Rezigni pri tio signifus, agi kontraŭ la instruoj el la dua mondmilito.

POR LA PACO — por tio ni agas daŭrigante nian politikon de konstruiva dialogo kaj tiamaniere kontribuante, ke realiĝos mondvasta koalicio sur la bazo de racio kaj realismo. La kontraŭhitlera koalicio, kiu kreiĝis dum la dua mondmilito kaj al kiu apartenis pli ol 50 ŝtatoj, havis la celon pereigi la faŝismon, la plej teruran malamikon de la homaro. Hodiaŭ koalicio de racio devas malebligi nuklean katastrofon por la homaro.

La pacmovado de la popoloj sur ĉiuj kvin kontinentoj estas kreskanta. Ĝi reprezentas forton, kiun la imperiistoj devas konsideri. Ankoraŭ neniam de post la dua mondmilito estis la danĝeroj tiom grandaj, sed ankoraŭ neniam estis tiom potencaj la fortoj, kiuj kapablas bremsi la konfrontadan kaj altarmadan kurson de la plej agresivaj rondoj de imperiismo.

## Karaj kuncivitanoj! Kamaradoj kaj amikoj!

La jaro 1985 estas nek 1939, nek 1941. Hodiaŭ la fortoj de la paco kaj de la socia progreso estas nekompareble pli fortaj ol antaŭ duona jarcento. Ekzistas ebleco malebligi nuklean mondincendion, se la socialismo, la internacia laborista movado, la movado de la nealianciĝintaj ŝtatoj kaj la pacmovado de la popoloj ĵetos en la pesiltason ĉion, kion ili kapablas. La ŝanco estas favora por ke formiĝu respondeckonscia kolektivo, kiu unuigos homojn de ĉiuj klasoj kaj tavoloj, de ĉiu ajn haŭtkoloro, mondkoncepto aŭ religio. Ni havas kaŭzon esti optimismaj. Ega motivo por nia optimismo kaj por la Sekureco de la estonteco ankaŭ de niaj infanoj kaj genepoj estas la nedetruebla ligo kun niaj liberigantoj kaj fratoj en Sovetunio, la plej forta pacŝtato.

Ni faros ĉion, por pli kaj pli fortigi tiun ĉi fratecon kaj altigi ĝiajn ekonomiajn, politikajn kaj spiritajn potencojn ĝis la nivelo de la grandaj taskoj starantaj antaŭ ni.

Ni faros ĉion por plifortigi kaj sekure ŝirmi nian socialisman Germanan Demokratian Respublikon. Grava antaŭkondiĉo por tio estas la plenumo kaj celita superplenumo de la popolekonomia plano por 1985 kaj la kontinua transiro al la kvinjarplano 1986 — 1990. Per siaj agoj en la socialista konkurado la laboruloj konstruos indan monumenton al la liberigantoj el la faŝismo.

Ni faros ĉion por realigi en ĉiuj sferoj altajn laborfarojn en la proceso de la plua formigo de evoluinta socialisma socio, preperante nin al la 40-a datreveno de la venko kaj de la liberigo kaj samtempe rigardante antaŭen al la XI-a Partia Kongreso de SUPG. Honesta laboro, diligenteco kaj iniciativo estas konstruelementoj por la bonfarto kaj feliĉo de la popolo, por la sekureco kaj paco.

La 40-a datreveno de la venko super la hitlera faŝismo kaj de nia liberigo trovos la popolon de GDR ĉe la flanko de Sovetunio, kiel firman parton de la socialisma komunumo kaj en la mezo de tiuj fortoj, kiuj strebas konservi la tiel malfacile atingitan, la tiom valoran pacon. Lasu nin ankaŭ estonte neŝanceleble iri tiun ĉi vojon!

**Subskribis:**

**Centra Komitato de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio, Ŝtata Konsilantaro de Germana Demokratia Respubliko, Ministra Konsilantaro de Germana Demokratia Respubliko, Nacia Konsilantaro de Nacia Fronto de Germana Demokratia Respubliko**

KEI = Konsilantaro de Ekonomia Interhelpo.
(Trad. Manfred Arnold, Dieter Berndt, Michael Lennartz)

## Honorinsigno de GDREA por la prezidanto de MEM

Dum la 18a Konsultiĝo de Esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj (15. — 20. 4. 1985) la prezidanto de GDREA, Hans Heinel, distingis la prezidanton de MEM, d-ron Imre Pethes, per la honorinsigno de GDREA pro ties multaj meritoj en la utiligado de Esperanto por paco kaj malstreĉiĝo, por lia senlaca agado serve al MEM kaj al la kunlaboro inter HEA kaj GDREA.

## Honorinsigno de GDREA por prof. Schulmeister

Okaze de lia 60a naskiĝtago GDREA distingis la Unuan Sekretarion de Kulturligo de GDR, amiko de la Esperanto-Asocio, por la ofta kaj efika subteno de la esperantista agado en GDR per la honorinsigno de GDREA.

## Tria fojo plej alta ordeno por N. Aleksiev

La trian fojon Nikola Aleksiev ricevis la plej altan bulgaran ordenon Georgi Dimitrov. La Ĝenerala Sekretario de BKP kaj prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de Bulgario, Todor Jivkov, enmanigis al la distingito la ordenon dum aprilo 1985. GDREA kore gratulas

## Skribu al Junulara Klubo el Sovetunio.

Jena junulara Esperanto-Klubo serĉas korespondajn ligojn: Esperanto-Klubo, SU-310 001 Charkov, Po Box 36

# 20 jaroj Esperanto en Kulturligo

Jen — plenumiĝis du jardekoj da esperantista aktivado en Kulturligo de GDR. Valoras iom rememori pri la farita. Ja estas konate, ke jam post la fino de la dua mondmilito, do antaŭ 40 jaroj, en la iama okupita sovetia zono de Germanio refondiĝis unuaj grupoj, kiuj agadis ĝis 1948 aŭ 1949. Klopodoj reorganizi la Esperanto-movadon iom post iom sukcesaj fine de la 50aj komence de la 60aj jaroj, kiam la Packonsilantaro en GDR subtenis la esperantistojn. En 1959 forta delegacio partoprenis la 44an Universalan Kongreson de Esperanto en Varsovio. 1960 la Packonsilantaro eldonis la unuan GDR-numeron de „Paco". Sekvis pluaj paŝoj, aparte flanke de iamaj laboristaj esperantistoj, kiuj trovis subtenon de kelkaj intelektuloj — notinde de prof. d-ro Sörgel —, kiuj finfine rezultigis, ke Kulturligo akceptis kiel novan fakon Esperanton. La 31an de marto 1965 en Berlin oni fondis la „Centran Laborrondon Esperanto en Germana Kulturligo". Poste Germana Kutlurligo transnomiĝis Kulturligo de GDR. La fondintoj estis la iamaj laboristaj esperantistoj Otto Bäßler, Helmut Fuchs, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Erwin Schleusener, Ludwig Schödl, Wilhelm Zimmermann, Willy Vildebrand kaj kiel reprezentantoj de la juna generacio d-roj Hans Eichhorn kaj Emil Rechtziegler.

Sekretario fariĝis la sekciestro en Kulturligo, Eugen Menger. 1967/68 la sekretario estis Raimund Knapp kaj ekde 1. 8. 1968 Detlev Blanke. Rapide Centra Laborrondo akiris novajn talentajn membrojn. En la distriktoj ekestis Distriktaj kaj en la subdistriktoj Subdistriktaj Laborrondoj. Multaj kursoj ekfunkciis. Aperis „der esperantist", kiu per ĉi-tiu n-ro 131 ĝis nun entute eldoniĝis sur 3120 paĝoj (eldonkvanto: 5000). Ekde 1966 ĉiujare aperis numero de „Paco" en GDR (do sume 19 numeroj kun entute 760 paĝoj). La movado en GDR ekfloris kaj prenis sian lokon en internacia kadro. 1. 10. 1977 mortis Rudi Graetz, kiu estis alte taksata kaj ŝatata de la membroj en GDR kaj internaciskale. Lia merito en la kreo de propra kulturpolitika profilo de la esperantistaro de GDR estas tre granda. De 1977 — 1981 prezidanto estis Rudolf Hahlbohm, teatroscienscisto, muzeologo, grafikisto. 1981 Centra Laborrondo, jam havinta 43 membrojn, transformiĝis en Centran Estraron, kaj la esperantistaro en Kulturligo fariĝis Espranto-Asocio. Prezidanto elektiĝis la diplomita filozofo kaj socia aganto Hans Heinel, kiu jam ekde 1970 kunlaboras en la prezidio de Centra Laborrondo. Se oni devus resumi post 20 jaroj la plej gravajn atingojn de la esperantistoj en Kulturligo de GDR, ili eble ne estas tro sensaciaj sed ja gravaj kaj impresaj, des pli, ĉar tiu evoluo dum 20 jaroj estis stabila, trankvila kaj firma.

1. Venkinte nesciencajn misinterpretojn pri la rolo kaj celo de Esperanto oni rekonstruis enhave kaj organize la Esperanto-movadon kaj donis al ĝi karakteron adekvatan al la socialisma Germana Demokratia Respubliko. Ne nur la gvidlinioj kaj rezolucioj de la esperantistoj sed antaŭ ĉio la ĉiutaga laboro montris la klaran socialisman profilon de la organizaĵo, kiu eliris kaj eliras de marksismaj-leninismaj pozicioj.
2. Kulturligo pruviĝis kiel ideala tegmento por la esperantistoj de GDR. Ne nur la financa subteno, la organizaj kaj teknikaj strukturoj de la organizaĵo estis je la dispono de la esperantistoj, sed ankaŭ — kio ege gravas — la riĉa politika sperto de amasa kulturorganizaĵo.
3. Per la eldono de lernolibroj (Ludwig Schödl; Till Dahlenburg/ Peter Liebig), vortaroj (Erich-Dieter Krause) kaj korespondaj kursoj (Ludwig Schödl) estis kreita la baza materialo por la disvastigo de Esperanto en GDR.
4. Germanlingvaj studoj, monografioj, gazetartikoloj (jare pli ol 300), prelegoj, seminarioj kreis almenaŭ bazan informitecon ĉe funkciuloj, sciencistoj, instruistoj kaj aliaj logantaraj tavoloj. Ĉiuj informfontoj (ekz. enciklopedioj), bibliotekaj

katalogoj kaj sliparoj, amasmediaj arkivoj) entenas informmaterialon ne kontraŭ-esperantan sed verkitan de kompetentuloj de la Esperanto-Asocio.

5. La membraro ne tro kreskis dum la 20 jaroj (ĉiam de 1200 — 1700), sed ja juniĝis. Kreskis novaj talentoj, novaj aktivuloj. Kaj ĉio okazis en harmonio inter la generacioj.
6. Multflanka estis kaj estas la socia aplikado de Esperanto flanke de la Asocio por diskonigi faktojn pri la socialisma evoluo de GDR al la eksterlando. Aperis informverkoj, esperantigitaj sonfilmoj, prospektoj, ankaŭ iom da beletro (Apitz „Nuda inter lupoj", Brecht „Trigroŝa romano", Böll „La perdita honoro de Katarina Blum").
7. Aparte forte evoluadis la rilatoj al la Esperanto-asocioj en la socialismaj landoj. Tute konscie la Esperanto-Asocio evoluigis prioritate la rilatojn kun tiuj landoj. Tion bone dokumentas la alta kvanto da ĉi-rilataj informoj en „der esperantist". Fundamente grava la asocio ĉiam taksis la rilatojn al la esperantistoj de Soveta Unio.
8. En internacia skalo ekde la mezo de 70aj jaroj la esperantistoj de GDR prenis sian lokon en Universala Esperantista Junulara Organizo (TEJO), jam pli frue en Mondpaca Esperantista Movado (MEM). Seminarioj en Ahrenshoop kaj Bad Saarow, organizitaj kun UEA, fariĝis mondfamaj.
9. Aparte rimarkebla estas la kontribuo de kelkaj science laborantaj membroj de la Esperanto-Asocio. Dank' al ilia aktiveco en sciencaj rondoj de GDR oni pli kaj pli konscias pri la graveco de interlingvistiko kaj la scienca valoro de Esperanto.
10. Kaj laste substrekindas la forta rilato de la membraro al la historiaj tradicioj kaj spertoj, aparte al tiuj de la revolucia laborista Esperanto-movado. Studoj, monografioj, seminarioj kaj renkontiĝoj de iamaj membroj de LEA montris riĉan heredaĵon aktivigan por la aktuala laboro.

Certe, multo ne estis tiom farita en tia kvalito aŭ kvato kiom kaj kia ĝi estintus dezirinda. Do restas laboro por la estonteco. Tio aparte rilatas la neceson

- — nepre pligrandigi la membrokvanton,
- — plibonigi la lingvan nivelon,
- — eduki pli da bonaj kursgvidantoj, aktivuloj kaj fakuloj,
- — konsiderinde pli sisteme evoluigi la junularan agadon kaj instruadon al junaj pioniroj,
- — ellabori pluajn instrumaterialojn, aparte lernolibrojn por aŭtodidaktoj kaj por junuloj,
- — tenante la jam tradiciiĝintajn internaciajn aranĝojn en GDR, aldoni pluajn,
- — trovi la necesan subtenon por pli sisteme kaj kontinue eldoni informmaterialon pri GDR, beletron kaj fakmaterialojn,
- — plivastigi la fakan aplikon de Esperanto,
- — atingi instituciigon de interlingvistikaj/esperantologiaj esploroj kaj instruadoj, kaj, surbaze de skizitaj taskoj, do necesas
- — entute plialtigi la kvaliton de la agado de la Esperanto-Asocio kaj pligrandigi ĝian kontribuon en la tutmonda Esperanto-movado.

Jen malgranda jubileo nia. Sed antaŭ ni staras granda: 1987 — 100 jaroj de Esperanto. Ni donu dignan kontribuon.

D. Blanke

**Grava informo por ĉiuj abonantoj de „Saksa Kuriero"!**

Ekestis sufiĉe konfuza situacio por la eldonistoj de „Saksa Kuriero"! Multaj abonemuloj pagis la jarkotizojn per poŝtĉeka transpago, sed la komputilo ne presis la adresojn kaj nomojn sur la avizojn. Tial la leipzig-aj eldonistoj ne korekte scias, kiuj personoj enpagis la sumojn. Se vi jam pagis, sed ne ricevis ĝis nun la menditajn numerojn, bonvolu, skribi al:

Kulturb. d. DDR Bezirksvorst. Esperanto
**DDR—7010 Leipzig**
Käthe-Kollwitz-Straße 115.

Aldonu viajn nomojn, adreson kaj la informon, kie kaj kiam vi pagis la abonkotizojn. Per tio vi povas al vi kaj al ni. Anticipan dankon!

**Distrikta Estraro Leipzig de GDREA**

# Dua disertacio pri interlingvistiko de Blanke



1976 Detlev Blanke (Berlin, GDR) doktoriĝis per disertacio pri komparo de la vortfarado de la germana lingvo kaj Esperanto[1]). La titolon **„doctor scientiae philosophiae (Dr. sc. phil.)** li akiris per defendo de dua doktoriga disertacio la 13an de februaro 1985. Ĝi havas la titolon **„Bazaj demandoj de la evoluo de planlingvoj — sub aparta konsidero de Esperanto".**

La Senato de la Scienca Konsilantaro de Humboldt-Universitato Berlin (GDR) akceptis la laboraĵon kiel „disertacion B", t. e. en kelkaj landoj **„habilitacia disertacio"** aŭ disertacio por fariĝi **„doktoro de sciencoj"** (Soveta Unio). Per tiu en GDR plej alta scienca grado al la sukcesinto estas principe malferma ĉiu scienca universitata aŭ akademia kariero — se ekzistas ŝtata intereso pri la fako.

La ekspertizojn verkis la universitataj profesoroj Georg Friedrich Meier (komunikad-scienco, ĝenerala lingvistiko, Humboldt - Universitato), Johannes Klare (romanistiko, Humboldt-Universitato) kaj Frank Häusler (slavistiko, Pedagogia Altlernejo Magdeburg). Verŝajne la unuan fojon en la historio de lingvoscienco oni donis tiun gradon **por la fako „Komunikado scienco (interlingvistiko)"** Per tio — almenaŭ nomenklature — oni kreis precedentan kazon.

La disertacio konsistas el du volumoj: I: la teksto (417 + 2 p.), II: notaro, 217 p. (pli ol 500 notoj kaj 2000-titola bibliografio ordigita laŭ 23 sekcioj, kun materialo i. a. el 280 etnolingvaj kaj planlingvaj revuoj).

La sama teksto aperos sub la titolo **„Plansprachen in Theorie und Praxis"** (planlingvoj en teorio kaj praktiko) 1985 en Akademie-Verlag Berlin (mendo-numero 7535643) kaj estos internacie mendebla per la kutimaj libroeksportaj vojoj, aŭ ĉe UEA kaj GDREA. Prezo: ĉirkaŭ 25 markoj. En GDR mendojn akceptas la kutimaj librovendejoj. Valoras substreki, ke temas pri libro traktanta ne precipe Esperanton sed precipe la planlingvistikon.

Ĉirkaŭ 75 % de la tekstoj traktas la planlingvan fenomenon kun siaj diversaj aspektoj kaj nur 25 % aparte Esperanton. 33 % de la bibliografio entenas esperantologiajn titolojn.

La aŭtoro klopodis kritike prilabori kaj utiligi la ĉefan internacie akireblan materialon ĝis fino de 1983.

Elirante de la rilatoj inter lingvoplanado kaj planlingvo li traktas la „artefaritan" aŭ la „konscian" en la lingvoevoluado, tre detale diskutas la diversajn terminojn (pli ol 20) ĉirkaŭ la ĉefa termino „planlingvo" kaj prezentas konsiderojn kaj materialojn pri la nombro de planlingvoj kaj pri ĉefaj motivoj de ilia ekestiĝo. Detala ĉapitro prezentas la kontraŭdirajn kriterojn de lingvistoj, laŭ kiuj oni konstruu planlingvojn. Diversaj klasifikoj estas kritike prezentaj kaj kompletigataj per la klasifiko „laŭ komunikada funkcio" (planlingvaj **projektoj**, **semi**planlingvoj, planlingvo (= Esperanto)).

Sekvas trakto de ĉefaj pazigrafioj, aprioriaj kaj aposterioriaj planlingvaj projektoj (resp. semiplanlingvoj) kaj Volapuko.

Aparte detale estas traktitaj la sistemoj de la naturalismo skolo kaj tre detale laŭ originalaj dokumentoj — la historio de International Auxiliary Language Association (IALA). 100 paĝoj traktas pri Esperanto, la lingvopolitika rolo de Zamenhof, la strukturo kaj lingvaj ecoj de Esperanto (grafemoj, fonemoj,

morfemaro, vortfarado, vorto kaj signifo, strukturo de la leksiko, sintakso, lingvo-tavoloj kaj stiloj, evoluo-stabileco-normo), lingva komunumo de Esperanto kaj apliko de Esperanto en la praktiko.

Tre mallonga ĉapitro pri la rilatoj inter planlingvoj kaj interlingvistiko finas la libron.

La traktado de la ĉefaj planlingvaj sistemoj akcentas pli forte — ol ĝis nun farite — la komunikado-funkcion kaj aliajn sacilingvistikajn aspektojn de la planlingvaj movadetoj.

Sendube la ĉapitro pri Esperanto devintos esti pli ampleksa. Sed drasta spaclimigo tion malhelpis. Eventuale la libro efikos stimulige tiel, ke la eldonejo pretos publikigi apartan monografion pri Esperanto. Jam ekzistas flanke de la eldonejo konsideroj por traduko alinacilingven. Por tiuj tradukoj la aŭtoro pretas pliampleksigi la ĉapitron pri Esperanto.

La libro estas aparte riĉe bibliografiata pro du kaŭzoj: a) La temo en nacilingvaj medioj renkontas ofte skeptikecon. Detala utiligo kaj prezento de faka literaturo montras la maturecon de la temo. b) Se jam por informitaj interlingvistoj kaj esperantologoj ofte estas nekonataj multaj tre specialaj valoraj studoj, des pli nekonataj ili estas por nove interesigitaj sciencistoj, laborantaj en nacilingva medio. Ili havos rapidan starton pro la pretigita kaj tralaborita bibliografio, verŝajne la plej ampleksa kaj plej moderna aktuale internacie akirebla. La aŭtoro planas prilabori multe pli ampleksan bibliografion surbaze de sia 6000-titola sliparo.

[1]) Presita: Detlev Blanke: Plansprache und Nationalsprache. Einige Probleme der Wortbildung des Esperanto und des Deutschen in konfrontativer Darstellung. Linguistische Studien, Reihe A, Arbeitsberichte, Nr. 85, Akademie der Wissenschaften der DDR, Zentralinstitut für Sprachwissenschaft, Berlin 1982, 161 p. Havebla ĉe UEA.

## Hans Heinel dankas

**Mi ricevis multajn gratulojn de la membroj de GDREA kaj el eksterlando okaze de mia 60a naskiĝtago kaj estas ĝojigite pro la afableco, kiun oni dediĉis al mi. Ne povante danki al ĉiu persone, mi per ĉi-tiu vojo elkore dankas al ĉiu gratulinto.**

**Hans Heinel**

## Esperanto en vjetnama universitato

Trovinte utila kaj necesa la uzadon de diversaj lingvoj (angla, rusa, franca, germana) por disvastigi la rezultatojn de sciencoj kaj tekniko en la mondo, la universitato de Cân-Tho (Vjetnamio) bone utiligas ankaŭ Esperanton en pluraj medioj: medicina, agrikultura, scienca kaj ankaŭ en sia duonmonata revuo.

Turnante sin al la 100-jara jubileo de Esperanto, la Universitato de Cân-Tho projektas — precipe por la universitata personaro, kiu jam posedas multajn lingvojn, fondi Esperantan klubon, celante pliprofundiĝi en la lernadon, propagandi per esperantaĵoj, prelegi pri la vivo de Zamenhof kaj pri la evoluo de Esperanto en la mondo, organizi Esperanto-kursojn, per Esperanto prezenti epitomon de la Universitato aŭ multajn sukcesajn rezultatojn de studada programo spertojn pri sciencoj kaj tekniko en diversaj fakoj, aperigi dupaĝan informilon pri Esperanto kaj studado (esperantlingve evidente). Ni jam disponas spacon por ricevi artikolojn (skribitajn en ĉiuj fremdlingvoj) alvenintajn el ĉiuj mondanguloj.

Freŝdate la Universitato estis organizinta ekspozicion de Esperantaj libroj: unuafoje en la universitato mem kaj duafoje en la Pedagogia Altlernejo.

La Universitato kreis en la Fakoj de Sciencoj kaj Tekniko Esperantajn kursojn rezervitajn por profesoroj kaj docentoj kaj jam eldonis poŝvortaron Esperanto-vjetnaman, entenantan 2000 vortojn. La 15an de julio 1984 okazis malfermo de la centra kurso de fremdlingvoj: rusa, angla, franca, kampuĉa kaj Esperanto.

Do, la Universitato de Cân-Tho plene elmontras sian aktivecon kaj atendas helpon de ĉiuj frataj universitatoj.

Estas dezirinde, ke ankaŭ aliaj Esperantaj kluboj respondu al tiu alvoko, interŝanĝu esperantaĵojn pri scienco kaj tekniko kaj pri lernado kaj subtenu tian fratecon.

Adreso: Universitato de Cân-Tho,
1 strato TU'-DU'C, Cân Tho,
Vjetnamio

8. **Kotizoj:**
Eksterlandanoj:
a) 3-lita ĉambro Kčs 1 900,—
b) 5-lita ĉambro Kčs 1 600,—
c) propra tendo Kčs 1 000,—

9. Atentu, ekzistas infanvartejo dum la lerneja tempo por la infanoj de 4 ĝis 7 jaroj. La infanvartejo ebligos al al patrinoj partopreni en instruado.

10. La lasta servo estas tagmanĝo la 19an de julio 1985. Post la Lernejo okazos en Slovakia Paradizo jam la fama Turisma Semajno TUSE-'85.

11. Aliĝo: Aliĝilojn sendas kaj akceptas Slovakia Esperanto-Asocio, Kleriga Centro, Poprad Sobotské nám. 6.

# El la vivo GDREA

## 11a plenkunsido de la Centra Estraro

La 8an de februaro 1985 en Halle okazis la 11a plenkunsido de la Centra Estraro de GDREA. Laŭ la tagordo oni traktis i. a. la laboron de GDREA dum la jaro de la 40a datreveno de la liberigo de la germana popolo el sub la faŝismo, problemojn de la plifortigo de kunlaboro inter GDREA kaj la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (surbaze de la amikeckontrakto), laborplanon okaze de la centjariĝo de Esperanto kaj multajn raportojn kaj informojn. Laŭ persona deziro la Centra Estraro liberigis Jürgen Hamann el la funkcioj de membro de la prezidio kaj prezidanto de la MEM-Komisiono. Al la Estraro de UEA GDREA rekomendis liberigi lin de la funkcio de ĉefdelegito de UEA. Li ankaŭ ne plu estas komitatano A de GDREA en la Komitato de UEA. GDREA nomumis la prezidanton Hans Heinel komitatano A en la Komitato de UEA, proponis al UEA kiel ĉefdelegiton Michael Lennartz kaj elektis pastoron Hans-Jürg Kelpin kiel prezidanton de la MEM-sekcio. La Estraro de UEA intertempe akceptis la ŝanĝojn en la UEA-funkcioj. Pro bonega kulturpolitika agado en GDREA la Honorinsignon ricevis Bärbel Kulisch, prezidantino de la Distrikta Estraro Frankfurt/O. Joachim Schulze el Leipzig, profesia grafikisto kaj jurnalisto, estis kooptita kiel membro de la Centra Estraro.

## Nia jarkunveno 1984

okazis de la 2a ĝis 4a de novembro 1984 en la turingia ripozloko Tambach-Dietharz. Kvankam situata iomete malproksime de la fervojaj nodopunktoj de DR, venis pli ol 20 gekolegoj de nia fakgrupo kaj eĉ 2 kolegoj de ĈSD, 3 de MÁV kaj ankaŭ 2 gekolegoj de BDŽ, ne timinte la longan vojon.

La programon mi prezentas nur laŭtitole:

— vendrede vespere turingia folklorvespero en gaja etoso, bona humoro kaj vigla dancado,

— sabate antaŭtagmeze ekskurso al Tobiashammer (Tobias-martelo) kaj al la Ohravalbarajo (Ohra-Talsperre),

— sabate posttagmeze labora parto kun
  · estrarraporto
  · alparoloj de niaj eksterlandaj gastoj
  · reciproka donac- kaj spertinterŝanĝo
  · fakprelego de k-go Heinz Hoffmann pri la temo „Modernaj ekspedaparatoj en pasaĝera trafiko", kiu kaŭzis viglan diskutadon pri la avantaĝoj kaj malavantaĝoj de diverslandaj solvoj de tiu problemo.

La sabatan vesperon malfermis lumbildprezentado pri la 36a IFEF-kongreso en Suna Bordo, poste sekvis bildoj pri la „vaporlokomotiva renkontiĝo" la 16an de junio 1984 en Dürröhrsdorf (distr. Dresden), kaj la hungaraj kolegoj prezentis belegajn lumbildojn pri hungaraj vaporlokomotivoj. Post la prelegoj ni uzis la restintajn horojn ĝis malfrue post noktomezo por diskutado pri fervojspecifaj fakagadaj kaj ĉiutagaj problemoj.
Tamen ni jam dimanĉe frumatene ekskursis per aŭtobuso al Friedrichroda por viziti la faman Marienglashöhle (Marien-vitro-groto), kie oni elmingis dum kelkcento da jaroj kalkon, kaj kie ankoraŭ nun estas videblaj pitoreskaj formoj kaj figuroj el tiu-ĉi ŝtonaro. La posta pluveturo al Gotha per la t. n „Thüringer Waldbahn" (turingia arbartramo) estis ankoraŭ eksterordinara travivaĵo je la fino de nia enhavoriĉa jarkunveno 1984.
[K-go = Kolego]

Mallongigoj:
DR Deutsche Reichsbahn
ĈSD Ĉeĥoslovaka fervojo
MÁV Hungara fervojo
BDŽ Bulgara fervojo

Achim Meinel

## Unua turingia junulara renkontiĝo

Ĝi okazis de 9a ĝis 11a de novembro 1984 en Eisenach. Partoprenis 26 gejunuloj. La programo enhavis i. a. disko-muzikan dancadon, migradon, teatran vesperon kaj kompreneble multe da diskuto pri la junulara agado en GDR. La dua turingia junulara renkontiĝo okazos aŭtune 1985 denove en Eisenach.
(laŭ Christine Kuhles)

## Junulara seminario pri peresperanta kultura agado

De 1-a ĝis 3-a de marto 1985 en Prenzlau okazis junulara seminario, kiu traktis la temon „kulturo-libera tempo--Esperanto". Partoprenis entute 59 gejunuloj, inter ili 21 el Pollando (la koruso „Espero" el la junulara kultura palaco el Koszalin). Oni diskutis pri la kunlaboro kun sociaj partneroj (ekz. klubdomoj, organizajoj), pri la signifo de Esperanto por la agado. Pri la lasta temo la seminarianoj ellaboris 50-punktan katalogon kaj faris konkretajn proponojn al la Centra Estraro de GDREA. La seminarion gvidis la Subdistrikta Estraro de GDREA en Prenzlau (prezidantino Edeltraud Zettier) kaj ties junulara grupo.

**Antonio Gramsci: Notizen zur Sprache und Kultur. Gustav Kiepenheuer Bücherei 40. Leipzig-Weimar 1984, 184 p.**
Gramsci naskiĝis 1891 kaj mortis 1937. Li estas kunnfondinto de la Itala Komunista Partio (1921) kaj estas rigardata la plej grava

itala marksisto kaj literatursciencisto. Estas konate, aparte inter italaj esperantistoj, ke Gramsci havis deciditan opinion malfavoran al Esperanto kaj en diversaj artikoloj esprimis tiun sian negativan starpunkton. Li skribis tiujn artikolojn plejparte 1917/1918 kiam li rigardis ĉefa tasko unue klerigi la italan laboristaron tiel, ke ĝi regu la propran lingvon, la italan, kaj ne estu okupata per senutilaj flankaj aferoj, kia estas, laŭ Gramsci, Esperanto.
Ni ĉi-loke nur volas atentigi pri la libro sed ne recenzi ĝin esperante publikigi artikolon pri la problemo de pli kompetenta persono.

---

**IFER'85**

## „Leipzig — urbo de la muziko"

„En printempo ĉiujare:
ek al Leipzig, tute klare!
Kiu povus bridi nin?"

Jen tekstas la unua strofo de la ĉi-jare kreita IFER-himno. Kaj oni refrenas tute prave (post ĉiu el la 5 strofoj): „IFER estu la kulmin', Leipzig vokos min kaj vin!"

Nu — por mi jam longe estas „tute klare", ke nur malbone aŭ neinformitaj membroj de GDREA povas ne ĉeesti en Leipzig. Aŭ mi aldonu, kiuj tro malfrue decidis, ĉar oni devis ĉi-jare malakcepti 80 aliĝojn! Fakte ni finfine havas nian ĉiujaran internacian renkontiĝon de GDREA. Organizas ĝin bone, multpene, entuziasme kaj bonkvalite la esperantistoj en Leipzig.

Tiu ankaŭ internacie jam konata aranĝo vere meritas ĉiuflankan subtenon. En Leipzig oni **praktikas** la kulturpolitikon de GDREA, originale kaj multflanke. Ĉi-jare la kadra temo de IFER, kiu okazis de la 8a — 10a de marto, estis „Leipzig — urbo de la muziko", por omaĝi al la kolosoj de la klasika muziko Johann Sebastian Bach (1685 — 1750), Georg Friedrich Händel (1685 — 1759) kaj Heinrich Schütz (1581 — 1672). Krome — kompreneble, IFER'85 okazis ankaŭ sub la signo de la 40a datreveno de la liberigo de la germana popolo el sub la faŝisma jugo.

La malfermo estis vendrede, la 8an de marto, vespere. Ĉeestis netute 148 personoj el Aŭstrio, Bulgario, ĈSSR, FRG, GDR, Hungario kaj Pollando. Post (cetere ne tro bonkvalita) prezentaĵo de junpioniroj kaj informoj pri la programo de IFER (Sabine Fiedler), Michael Behr aparte omaĝis al la Internacia Virina Tago, i. a. per pianludo kaj solkanto „La simpla paco", la unua sekretario de Kulturligo, distrikto Leipzig, d-ro Rudi Fiedler, per siaj bonvenigaj vortoj alte aprezis la porpacan agadon de la esperantistoj kaj klarigis pri la kulturpolitika laboro de la distrikta organizaĵo de Kulturligo. La sekretario de GDREA, d-ro Detlev Blanke, substrekis la apartan rolon de Leipzig en la omaĝo al la 40-a datreveno de la liberigo. En Leipzig Georgi Dimitrov jam montris la eblon venki la faŝismon. Li krome atentigis pri la jubileo de Kulturligo (ankaŭ 40jara) kaj de la esperantistoj en Kulturligo (20jara). Sekvis la salutparoladetoj de la reprezentantoj de Aŭstrio (s-ro Stubnik), Bulgario (Fani Miĥajlova), ĈSSR (s-ro Kašparec), FRG (Rudolf Hirsch), Hungario (d-ro Peter Broczkó) kaj Pollando (Andrzej Pettyn).

Aparte impresa estis la omaĝo far Michael Behr al la liberigodatreveno. Li ne simple nur elektis tre konvenajn vortojn sed ankaŭ tre lerte prezentis kaj komentis partojn de la Leningrada sinfonio de Ŝostakoviĉ. Sekvis komunaj kantadoj en Esperanto de la internacia laborista kanto „We shall overcome" kaj de la novbakita IFER-himno (teksto: Sabine kaj Joachim Schulze, muziko: Dankward Pfeiffer). La malfermon filmis televida teamo,kiu aparte intervjuis d-ron Broczkó.

Sabate, la 9an de marto, antaŭtagmeze, la programo plurealiĝis sur alta nivelo. Wera Dehler prononcis la prelegon „Travivaĵoj kun J. S. Bach", ellaboritan de Michael Behr, kiu akompanis la prelegon per elektitaj dediskaj muzikaĵoj de la klasikulo. Aparta travivaĵo por la aŭskultantoj fariĝis la prelego de la konata en Leipzig komponisto, Dankward Pfeiffer, kiu en bonega Esperanto (post 20-monata lerno) informis pri sia propra kreado kiel komponisto prezentante memkomponitajn muzikpecojn. Posttagmeze sekvis prelego de la hungara informadisto, d-ro Peter Broczkó, pri „Informfluo en la mondo". D-ro Broczkó estas ĉefredaktoro de la esperantlingva internacia revuo „Internacia komputado" (abonebla ĉe Michael Behr, Leipzig). La fakgrupoj de komputilistoj, fervojistoj kaj poŝtistoj aparte kunvenis. Antaŭ la komputilistoj prelegis Ilona Koutny el Hungario pri „Esperanto kiel maŝinlingvo". Aparta kulmino fariĝis prelego de redaktoro Andrzej Pettyn, estro de la Esperanto-redakcio ĉe Radio Polonia, pri „25 jaroj esperantlingvaj disaŭdigoj de pola radio". La konata redaktoro kaj metodikisto de Esperanto, membro de la Akademio de Esperanto, prezentis la historion kaj mulflankecon de la mondfamaj disaŭdigoj en la Internacia lingvo, ekde la programoj tage unufoje (1959) ĝis 6foje (ekde 1982). Sian prelegon li spicis per sonbendaj specimenoj, i. a. la voĉoj de Zamenhof, Kalocsay, Baghy kaj E.-D. Krause (bela kompanio!).

La prezidanto de la Distrikta Estraro de Kulturligo, Leipzig, la historiisto ĉe Karl-Marx-Universitato, prof. d-ro Peter Held, por komuna vespermanĝo akceptis reprezentantojn de la eksterlandaj grupoj al amikaj interparoloj informante ilin pri la laboro de la distrikta organizaĵo. Li devis respondi (kaj tion faris verve, vigle kaj konvinke) multajn demandojn de la gastoj. La programo de la vespero fariĝis denove bunta. Belaj knabinoj prezentis modparadon. Esperantlingva magiisto (Helmut Rieche) prezentis sian arton. Sekvis dancado laŭ la muziko (bonega sed orelojndetrue laŭte) de diskoteko. Dimanĉo, la 10a de marto, la antaŭtagmezo denove estis plenprograma. S-ro Kašparec el Praha prezentis lumbildojn pri la ĉeĥoslovaka ĉefurbo („Nekonataj vidindaĵoj de Praha"). La sekva muzika-literatura programo, reĝisorita de Michael Behr kaj anoncita de Wera Dehler, denove estis aparta ĝuo. Violinistino tre juna (eble 12jara), pianistino kaj violina kvarteto prezentis muzikaĵojn de Bach, Händel kaj Schütz. Krome la komponisto Dankward Pfeiffer prezentis muzikaĵon aparte komponitan por IFER'85. Kiel jam ofte, denove Margot Berthold brilis per sia bela soprano.

Ĉiuj rikoltis fortan aplaŭdon.

Al IFER kompreneble apartenis urbotrarigardo, vizito de Nikolai-preĝejo kaj Thomas-preĝejo (cetere, mi petas, ne „kirko" kiel legeblas en la programfolio), librostando, porokaza poŝtostampo kaj, jam antaŭ IFER, sukcesa gazetara konferenco.

Fine tamen unu deziro: Estus domaĝe, se la programo pri liberigo kaj pri Bach de Michael Behr kaj la muzikakompana prelego de Dankward Pfeiffer restas nur unufoje prezentitaj. Aliaj distriktoj invitu ilin por havi vere altnivelajn programojn.

Jam la Leipziganoj ekpreparas IFER '86. Venu ankaŭ vi. Detlev Blanke

TRADUK-KONKURSO TASKO 3/85

## Frühlingssonate

Für den Abend, an dem wir die Frühlingssonate spielen wollten, hatten wir ein kleines Fest vorbereitet. Der Tisch wurde besonders schön gedeckt. Meine Frau hatte, ich weiß heute noch nicht woher, einige Flaschen Bier beschafft. Auch war vom Wodka ein Rest übriggeblieben, der nun in einer kleinen Karaffe auf dem Tisch stand. Feuerrote Gladiolen schmückten die Tafel.

Der Hauptmann erschien, und wir sahen auf den ersten Blick, daß er getrunken haben mußte. Er sprach schwer und undeutlich. Sie flüsterte mir zu: „Nicht einen Tropfen hätte er getrunken, wenn er geahnt hätte, was wir heute vorhaben!" Ich nickte und tröstete sie. Heute möchte ich sagen: Er hat geahnt, wenn nicht gar gewußt, welche Überraschung auf ihn wartete; es wäre sonst unbegreiflich, daß er ausgerechnet an diesem Abend angetrunken kam — was vorher nie geschehen war. Er war kein Trinker, wie ich wohl schon gesagt habe.

Wir baten unsern Gast, im Sessel am Fenster Platz zu nehmen. Irmgard sprach zur Eröffnung des Abends ein Gedicht von Hermann Hesse, „Flötenspiel". Kennen Sie es? Es ist eins der schönsten von Hesse, in einfachem Volksliedton drückt es den völkerverbindenden Charakter der Musik aus. Ich kenne es auswendig, und wenn es Sie nicht stört, einen Professor Gedichte aufsagen zu hören, will ich es gern sprechen:

Ein Haus bei Nacht durch Strauch und Baum
Ein rotes Fenster glühen ließ,
Und dort im unsichtbaren Raum
Ein Flötenspieler stand und blies.

Es war ein Lied so altbekannt,
Es floß so gütig in die Nacht,
Als wäre Heimat jedes Land,
Als wäre jeder Weg vollbracht.

Es war der Welt geheimer Sinn
In einem Atem offenbart,
Und willig gab das Herz sich hin,
Und alle Zeit ward Gegenwart .

Darauf begann meine Frau und meine Tochter das Adagio aus der F-Dur-Sonate zu spielen.

Ich sah den Blick Ruthildes auf den Hauptmann gerichtet. Ihr Einsatz kam etwas später. Schon bei den ersten Tönen hob unser Gast den Kopf und lauschte. Er blickte jeden einzelnen von uns an, aber nicht erfreut, wie wir gehofft hatten, eher erstaunt, sogar zornig; auch bemerkte ich, daß sein Atem schwerer wurde.

(La kondiĉojn rigardu en „der esperantist 1/85)

Aus: „Frühlingssonate" von Willi Bredel
Aufbau Verlag Berlin und Weimar, 1971

## Ĉeĥoslovaka eldono de „Paco" 1984

Aperis la landa eldono de „Paco" el ĈSSR por 1984. La ilustrita, bone presita 32paĝa kajero entenas multe da interesa materialo, i. a. pri la esperantista pacrenkontiĝo en Pardubice, pri Lidice, la humanisto Albert Schweitzer, Julius Fuĉik, la rolo de nuklea energio, ĉeĥa vitro multe da tradukita kaj originala literaturo. Abonintoj de „Paco" ricevos **laŭ peto** ĉe GDREA la ekzempleron senpage.

## Vintra E-lernejo en Krynica

Sub la temo „100jariĝo de la lingvo kaj junulara movado dum tiu tempo" okazis de 12. — 19. 2. 1985 la vintra E-lernejo en Krynica. Tiun aranĝon, organizitan de PSEK (Pola Studenta Esperanto-Komitato), partoprenis pli ol 60 geesperantistoj el 9 ŝtatoj (Jugoslavio, Hungario, ĈSSR, FRG, Danio, GDR, Nederlando, Usono, Pollando).

La programo enhavis diversajn laborgrupojn, E-kurson por komencantoj, kurson por instruado de la pola lingvo, kantado-rondon kaj laborgrupon „Makremeo". Posttagmeze sekvis temaj prelegoj. Ekzemple prelegis Jan Koszmaluk, estrarano de TEJO, pri historio kaj la nuna situacio de TEJO. Krom vizito de prelegoj aŭ laborgrupoj oni havis ĉiam eblecon skii aŭ promeni inter la montoj ĉirkaŭ Krynica. Vespere oni montris diapozitivojn de urboj, kiuj estas pretaj gastigi la 43an IJK-on en Pollando, krome pri Nederlando, Soĉi kaj pri vojaĝo tra Kanado al Alaskio.

Unu tagon ĉeestis kunlaboranto de la Esperanto-redakcio de Radio Polonia. Li intervjuis kelkajn aktivulojn kaj rakontis pri siaj impresoj. Dum la aranĝo ni interparolis pri eblecoj de la plibonigo de rilatoj inter la E-junularoj de Pollando, Hungario kaj GDR.

Bilancante mi povas diri, ke la partopreno al tiu aranĝo tre valoris. Al la organizintoj mi dankas elkore! Maik Jung

## Infana konkurso

Esperanto-Komisiono ĉe la Uzbekia Amikecasocio kaj la Taŝkenta Klubo de esperantistoj anoncas konkurson-ekspozicion de infanaj desegnaĵoj sub la moto: „Estu ĉiam la suno!", kiu estas dediĉita al la XIIa Tutmonda Festivalo de junularo kaj studentoj. La desegnajoj estu laŭvolaj dimensie, estas egale — ĉu koloraj, ĉu nigra-blankaj. La festivalo okazos julie de 1985. La venkontojn kaj partoprenontojn atendas diplomoj kaj donacoj.

La desegnaĵojn bonvolu sendi ĝis la 1a de septembro 1985. Nia adreso estas: Esperanto-Komisiono, str. Aĥunbabaev 1, Taŝkento, USSR.

La plej bonaj desegnaĵoj estos elmontrataj en la Taŝkenta Palaco de Junpioniroj.

## Letervespero

E-rondeto „AMIKECO" el Česká Třebová (Ĉeĥoslovakio) aranĝos komence de septembro 1985 l e t e r v e s p e r o n okaze de 25-jara datreveno de sia fondiĝo.
Ĉiuj salutsendaĵoj es la tuta mondo estos respondataj per bela broŝuro pri nia urbo. Unu letero estos ellotumita kaj al sendanto ni garantios 7 tagan senpagan restadon en nia urbo. Skribu al:
Cilka Kotyzová, Drobného 1112, CS—560 02—Česká Třebová, ČSSR.

## Internaciaj Esperanto-aranĝoj 1985

D — dato L — loko O — organizanto K — korespondadreso R — rimarkoj
N — nomo T — temo

### Bulgario

Anranĝoj en Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica, Rodopi-Montaro:

| | |
|---|---|
| D: marto 25. — 30. | N: Kurso por Ekskursgvidantoj |
| D: aprilo 1. — 10. | N: Kurso por Infanoj |
| D: majo 7. — 14. | N: Printempa Esperanto-Renkontiĝo |
| D: majo 19. — 22. | N: Renkontiĝo de Agrikulturaj specialistoj-esperantistoj |
| D: majo 15. — 30. | N: Kurso por junaj Tradukistoj |
| D: majo 23. — 26. | N: E-Renkontiĝo de Fervojistoj |
| D: junio 20. — 30. | N: 2a Int. Esperanto-Ŝakseminario |
| D: julio 1. — 20. | N: Esperanto-kurso por Instruistoj |
| D: julio 21. — 30. | N: Internacia Pionira E-Aranĝo |
| D: aŭgusto 1. — 20. | N: Esperanto-kurso por Instruistoj |
| D: aŭgusto 21. — 30. | N: 2a Korusa Esperanto-Renkontiĝo |
| D: septembro 11. — 17. | N: Internacia Simpozio de Monda Turismo „Esperanto en Turismo" |
| D: oktobro 1. — 6. | N: E-Renkontiĝo de Pentristoj |
| D: oktobro 6. — 14. | N: 1a Int. Festivalo de Kino-Foto-amatoroj „Ĉarmaj Rodopi" |
| D: oktobro 14. — 20. | N: Int. Renkontiĝo de Dancensembloj |
| D: oktobro 21. — 27. | N: Internacia Junulara Seminario |
| D: decembro 6. — 8. | N: Renkontiĝo okaze de Studenta Festo |
| D: dec. 29. — jan. 2. | N: Novjara Esperantista Feriado |

OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG—1090 Sofio
Dusemajnaj Esperanto-Kursoj en Pisanica
D: jan. 3. — 16. jan. 16. — 29. feb. 15. — 28. mar. 1. — 14. mar. 16. — 29. apr. 1. — 14. apr. 16. — 29. maj. 3. — 16. maj. 17. — 30. jun. 1. — 14. jun. 16. — 29. jul. 1. — 20. jul. 21. — 30. aŭg. 1. — 20. aŭg. 21. — 30. sep. 1. — 14. sep. 16. — 29. okt. 1. — 14. okt. — 29. nov. 1. — 14. dec. 15. — 29. (entute 22 kursoj)
je diversaj niveloj: grupoj unua-, dua-, tria- kaj kvara-gradaj)
OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG—1090 Sofio
Dusemajnaj Esperanto-Feriadoj en Varna ĉe la Nigra Maro:
D: maj. 3. — 16. maj. 17. — 30. jun. 1. — 14. sep. 1. — 14. sep. 16. — 29. okt. 1. — 14. okt. 16. — 29. (sep. feriadoj kun E-kursoj)
OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG—1090 Sofio
Revuo de la esperantistaj poezio kaj kanto
D: mar. 30. — apr. 5. L: Ĥaskovo kaj Pisanica
OK: Bulgara Esperantista Asocio, p. k. 66, BG—1303 Sofio
Int. Seminario-Ripozo „Tra arbaroj kamparoj"
D: majo 12. — 18. L: Velingrad
OK: Esperantista Societo, p. k. 7, BG—4600 Velingrad
Recitalo de Botev-poezio kaj simila revolucia poezio
D: maj. 30. — jun. 6. L: Vraca — Sofio — Pisanica
OK: Bulgara Esperantista Asocio, p. k. 66, BG—1303 Sofio
Int. Simpozio „Esperanto kaj la scienc-teknika progreso"
D: maj. 31. — jun. 3. L: Karlovo
OK: Esperanto-Societo, p. k. 44, BG—4300 Karlovo
Internacia Esperantista Ŝaka Festivalo
D: julio 15. — 25. L: Târgovište
OK: Esperantista Societo, p. k. 174, BG—7700 Târgovište
Internacia Somera Esperanto-Universitato
D: julio 20. — 30. L: Veliko Târnovo — Pisanica
OK: Bulgara Esperantista Asocio, p. k. 66, BG—1303 Sofio
Internacia Esperantista Junulara Laborbrigado

D: aŭgusto 1. — 20. L: vilaĝo Pobeda
OK: BEA — Distrikta Estraro, ul. C. Cerkovski 14, 5800 Pleven
Internacia Turista Esperanto-Marŝado „Pirin-85"
D: aŭgusto 10. — 18. L: Bansko
OK: Esperantista Societo, ul. Ekz. Josif 13, BG—2850 Petriĉ
Internacia Esperantista Seminario-Feriado
D: aŭgusto 15. — 31. L: vilaĝo Borima
OK: BEA — Distrikta Estraro, p. k. 29, BG—5500 Loveĉ
Turista Feriado en Montodomo „Studenec"
D: aŭg. 26. — sep. 1. L: Pamporovo apud Smoljan
OK: Esperantista Societo, p. k. 30, BG—4702 Smoljan
Esperantista Turista Marŝo „Kvieta Rodopi-Montaro"
D: septembro 2. — 12. L: Smoljan
OK: Esperantista Societo, p. k. 30, BG—4702 Smoljan
Internacia Esperantista Seminario-Feriado
D: septembro 18. — 26. L: Velingrad
OK: Esperantista Societo, p. k. 7, BG—4600 Velingrad
Festo de Montodomo „Esperanto"
D: septembro 20. — 22. L: Sofio kaj monto Vitoŝa
OK: BEA — Turista Sekcio, p. k. 45, BG—1090 Sofio
Internacia Kooperativa Esperantista Konferenco kaj Internacia Foira Renkontiĝo
D: septembro 27. — 30. L: Plovdiv
OK: BEA — Kooperativa Sekcio, p. k. 66, BG—1303 Sofio kaj BEA — Distrikta Estraro, p. k. 184, BG—4000 Plovdiv

## ĈSSR

8a Int. Turisma Renkontiĝo en Ercmontaro „ITREE-85"
D: junio 17. — 21. L: Karlovy Vary
O: ĈEA en Karlovy Vary kaj GDREA en Schwarzenberg
K: J. Klement, Kpt. Nálepky 7, CS—360 04 Karlovy Vary
Turismaj tagoj „TUTA-85"
D: jul. 27. — aŭg. 2. L: Žilina
O: Esperanto-Klubo en Žilina kaj Regiona Komitato de SEA
K: inĝ. J. Gondžúr, Levočská 3/28, Vlčince, 01008 Žilina

## Hungario

Somera Esperanto-Universitato (SEU)
D: jun. 28. — jul. 5. L: Gyula
O: Urba komitato de Naturscienca Asocio „TIT"
K: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto
Esperanto-Lernejo ĉe Balatono
D: julio 12. — 19. L: Kiliántelep
OK: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto
R: „LEB" — por Bazlernejanoj (ĝis 12-jaraj); „LEM" — por Mezlernejanoj (12 — 18-jaraj; „LEP" por Plenkreskuloj.
Somera Esperanto-Lernejo en Eger (SELE)
D: julio 14. — 26. L: Eger
O: E-komitato de HEA en departemento Heves
K: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto
Internacia Renkontiĝo de Esperantistoj-Naturamikoj (IREN)
D: julio 22. — 31. L: Abaliget apud Pécs
O: E-komitato de HEA en departemento Baranya
K: Vojaĝoficejo „Express", Esperanto-Sekcio, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto
Someraj Esperanto-Kursoj en lingvolaboratorio (SEKEL)
D: aŭgusto 4. — 14. L: Szombathely
O: E-komitato de HEA en departemento Vas
K: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto
Fervojista, aŭtomobilista kaj boatista Renkontiĝo internacia (FABRI)
D: aŭgusto 16. — 24. L: Verőcemaros
OK: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto (kunlabore kun E-sekcio de Hungara Aŭtomobilista klubo)

Internacia Naturista Feriado (INFER)

D: aŭgusto 17. — 20. L: Délegyháza

O: Hungara Naturista Unuiĝo
K: S. Hideg, Fonal u. 18, H—1184 Budapeŝto
R: plena memprizorgo de ĉiuj partoprenantoj

15a Vintra Esperantista Feriado

D: dec. 28. — jan. 2. L: Budapeŝto

O: Budapeŝta Komitato de Hungara Esperanto-Asocio
K: Express/Esperanto, Szabadság tér 16, H—1051 Budapeŝto

## Pollando

Somera Int. Kurso por Esperanto-Instruantoj

D: jun. 30. — jul. 14. L: Bydgoszcz

O: PEA-Filio kaj Intsruist-Kleriga Instituto en Bydgoszcz
K: Esperantotur, M. Sklodowskiej-Curie 10, 85—094 Bydgoszcz

Internacia Infana Esperanto-Urbeto

D: julio 1. — 14. L: Varsovio

OK: Kastora Klubo de Esperanto, Klonowa 18, 00—591 Varsovio

Int. Plenaro por esperantistoj-pentroamatoroj

D: julio 14. — 21. L: Toruń

OK: Esperantotur, M. Sklodowskiej-Curie 10, 85—094 Bydgoszcz

23a Pola Esperanto-Kongreso

D: aŭgusto 11. — 18. L: Poznán

OK: Pola Esperanto-Asocio, Jasna 6, PL 00—013 Varsovio

4a Int. Familia Feriado „Esperanto hejme"

D: aŭgusto 18. — 31. L: Miedzygórze

OK: Filio de PEA, skr. poczt. P. 16, PL 50—952 Vroclavo

1a Int. Esperanto-Feriado „Adiaŭ Somero"

D: septembro 2. — 15. L: Miedzygórze

OK: Filio de PEA, skr. poczt. P. 16, PL 50—952 Vroclavo

21a Int. Esperanto-Feriado „Ora Pola Aŭtuno"

D: septembro 17. — 30. L: Miedzygórze

OK: Filio de PEA, skr. poczt. P. 16, PL 50—952 Vroclavo

Tutpollanda Trarigardo de la Esperanta Artisma Movado (OPERA-85)

D: septembro 16. — 20. L: Świdnica (Silezio)

OK: PEA-Filio, Ofiar Oświecimskich 2, PL 58—100 Świdnica

11a Internacia Foiro de Esperanto-Turismo

D: oktobro 20. — 27. L: Bydgoszcz

O: Esperantotur — Turisma Servo de Monda Turismo
K: Esperantotur, M. Sklodowskiej-Curie 10, 85—094 Bydgoszcz
R: nur por fakuloj pri organizado de turismo

## Rumanio

Turisma Esperanto-Aranĝo
D: majo 27. — 30.
L: Timisoara — B. Herculane — Orsova — Hunedoara — Deva — Arad
OK: Oficiul Judetean de Turism, P. Craiului 3, Timisoara

Semajnaj Folkloraj Turismaj Vojaĝoj
D: junio 16. — 23. kaj aŭgusto 18. — 25.
L: Timisoara — Oradea — S. Mare — B. Mare — Suceava — norda Moldavio — Bicaz — Braŝov — Sibiu — Deva — Timisoara
OK: Oficiul Judetean de Turism, P. Craiului 3, Timisoara

Kiam ajn en la jaro 1985:
Esperantistaj aranĝoj por kuracado
D: restadoj organizataj laŭ mendo de interesiĝantoj
L: Timisoara kaj kuracloko Buzias
OK: Oficiul Judetean de Turism, P. Craiului 3, Timisoara

## Se vi vizitos Vilnius . . .

Se vi intencas viziti litovan ĉefurbon Vilnius, nepre kontaktiĝu kun junulara E-klubo „Juneco". Junecanoj ĉiam plezure gvidos vin tra la urbo, konatigos kun junulara E-agado. Telefonu al: prezidantino de E-klubo Rožé Aukŝtikalnyté — 77 89 33 (ofica), 77 91 27 (hejma), Dalia Biĉiúnaité — 75 40 09 (of), 42 1065 (h): aŭ sufiĉe antaŭe skribu laŭ adreso: E-klubo „Juneco", P. O. Box 61, 232 000 Vilnius-C, Litovio. Ĝis revido en ĉefurbo de Litovio!



## D-ro Hans-Joachim Hußner 1921 – 1985

Subite forpasis la 21an de februaro 1985 la membro de la Centra Estraro de GDREA, prezidanto de la Distrikta Estraro Suhl, d-ro Hans-Joachim Hußner. Dum 7 jaroj li energie kaj iniciateme gvidis la distriktan organizaĵon de GDREA en Suhl, aktivis en Ilmenau kaj gvidis la Esperanto-grupon ĉe la Teknika Altlernejo. Tiu grupo estis la unua en altlernejo de GDR. Li estis doktoro de pedagogio kaj vigle interesiĝis pri interlingvistikaj problemoj. En la altlernejo de Ilmenau li ofte prelegis pri sciencaj aspektoj de Esperanto, partoprenis la interlingvistikajn seminariojn en Ahrenshoop kaj kontribuis pri la pedagogiaj-edukaj aspektoj de Esperanto.
Li gvidis kelkajn kursojn kaj komencis krei efikan sistemon de semajnfinaj seminarioj. En la kunsidoj de la Centra Estraro de GDREA oni ŝatis liajn principajn elpaŝojn kaj konstruivajn diskutkontribuojn. Ni perdis ne nur engaĝitan esperantiston sed ankaŭ societeman kaj afablan kolegon.
Ni gardos en honoro lian memoron.

CE de GDREA

### Ni funebras

— pro la forpaso de inĝ. Hans-Joachim Plehn, la 10an de marto 1985, 80-jara en Wieselburg/Aŭstrio, iama kunlaboranto de prof. Eugen Wüster kaj elstara Esperanto-terminologo,
— pro la forpaso de Karl Niedling el Thale, kunfondinto de la laboristmovada Esperanto-grupo en Ruhla,
— pro la forpaso de Hannelore Winzer el Leinefelde,
— pro la forpaso de Rosemarie Post el Apolda.

●

**Karen, Jiři (Red.). Poeto ne mortas. Antologieto el la verkaro de František Kožik. Prago 1984 (Literatura suplemento al revuo Paco, ĉeĥoslovaka eldono), 32 p.**
Esperanto estas taŭga perilo de nacilingvaj literaturaj valoraĵoj. Tion denove bone pruvas la recenzata kajero, kiu entenas fragmentojn el 8 romanoj kaj unu novelo de František Kožik, poemon, personan mesaĝon de kaj informan eseon pri li. Sed kiu estas František Kožik? Li apartenas al la plej konataj ĉeĥaj verkistoj (naskiĝis 1909), „merita artisto", verkis pli ol 100 volumojn kun ajoj el ĉiuj literaturaj ĝenroj. Aparte li elstaras kiel verkisto de radiaj dramverkoj kaj biografiaj romanoj. Li skribis i. a. pri la pieroto Gasparo Deburan, la portugala bardo Camões, pri la pentristo Josef Mánes, pri Cervantes, la komponisto Leoŝ Janaček k. a. Multo estas daŭre reeldonata, filmita, adaptita por teatro kaj televido kaj ankaŭ tradukita alilingven. Por esperantistoj gravas scii, ke d-ro Kožik apartenis al la stabo de la Verda Stacio, radioredakcio en Brno, kiu disaŭdigis de 1933 — 1939 en Esperanto. Aktuale li estas honora prezidanto de la Literatura Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio. La prezidanto de tiu sekcio, la verkisto Jiři Karen, tre bone elektis kaj tradukis la fragmentojn el la verkaro de Kožik. Ili estas el la romanoj „La plej granda el pierotoj" (jam 16a eldono 1967!), „La poeto ne mortas", „Frenezulojn nutras dio", „Josef Mánes", „Sur la herbokovrita irvojeto", „La urbo de feliĉaj amoj", „Fanfaroj por la reĝo", „Sur la alo de ventmuelejo". Tre bonvenaj estas la rimarkigoj, kiujn aldonis la redaktinto, kaj kiuj bone helpas la orientiĝon. Ankaŭ la aldono de listo de „rare uzataj kaj malofte troveblaj vortoj" atestas pri la zorga redaktado. La por mi — kiel nekonanto de la ĉeĥa originalo — tre flua, stilriĉa kaj komprenebla traduko de la fragmentoj sukcesis kapti min kaj veki la deziron serĉi eventuale ekzistantajn germanlingvajn tradukojn. Oni planas traduki la ŝajne plej sukcesan romanon „La plej granda el pierotoj", kiu traktas la biografion de tiu aktoro, kiu renesancis la pantomimon. Sur paĝo 31 ni eksciis ne nur tion sed ankaŭ, ke d-ro Kožik eventuale estus preta verki literature valoran scenaron pri la vivo de d-ro Zamenhof por prezentado en televido, se li ricevus adekvatan helpon de la esperantistaj medioj. Interesa projekto, kiu meritus subtenon. La broŝuro estas valora kontribuo al la traduka literaturo kaj meritas grandan disvastigon. Ĝi estas ricevebla ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 11000 Praha 1, Jilská 10, kaj ĉe GDREA.

Detlev Blanke

# KORESPONDDEZIROJ

**Ni publikigos nur tajpitajn koresponddezirojn!**

## Bulgario

Kursgvidanto serĉas gekorespondantojn por siaj kursanoj, plejparte geinstruistoj (25-45j.): Hristo Dolĉinkov, ul. D. Ivanov 7, **5000 Veliko Târnovo.**

Dentkuracisto dez. kor. tutmonde, kol. bk, pm: D-ro Ivan Ĉunĉev, **4400 Pazardžik,** ul. V. Leski 64 B

## GDR

Studento, 20j., dez. kor. tutmonde pri fotografio, moderna muziko, bestoj, vojaĝoj: Ralf Haase, **2061 Möllenhagen,** Neue Str. 5a

Komencantino, sekretariino, 35j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk, pm: Sigrid Klingberg, **2031 Deven 20,** Pf. 18

Helga Jäger, **2030 Demmin,** Frauenstr. 5, (48j.) dez. kor. tutmonde

Flegistino, 57j., dez. kor. tutmonde pri vivo, E-movado, arabaj landoj: Ruth Hampel, **1055 Berlin,** Paul-Grasse-Str. 34

Lutz Seupel, **1280 Bernau,** Heinersdorfer Straße 33, 22j. dez. kor. tutmonde

## Hungario

Elektroinĝeniero, 46j., filatelisto, dez. kor. kun esp. el Dresden: Miklós Körmendi, Gizella u. 47. I. 12., **1143 Budapest**

## Rumanio

Korpkultura profesorino dez. kor.: Kornelia Nagy, **4150 Odorheiu,** Secuiesc intr. Garofitei 1, ap. 18, Jud. Harghita

## Soveta Unio

Ramutis Kilĉiauskis, **285300 Panevežys,** Bites 11A-1, Litovio, (39j.) dez. kor. pri E-movado, radioelektroniko, muziko, kol. pm, diskojn librojn, revuojn

Studento, 18j., dez. kor. tutmonde, p. ĉ. t.: Aleksandr Viktoroviĉ Ivanov, **603 000 Gorkij,** poŝtamt, poste restante

E-kursaninoj, 16-20j., serĉas geamikojn tutmonde. Skribu al la kursgvidanto: Rein Saag, **202 9000 Viljandi,** pk. 82, Estonio

Laimius Stražnickas, PO-Box 1469, **232 040 Vilnius 40,** 26j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk, pm, diskojn

Komencanto, 13j., dez. kor., kol. pm, bk: Ivar Neio, **Kehra, Kingissepa 3-20,** Estonio

25 komencantoj (15-34j.) dez. kor.: Sverdlovska Esperantista Klubo, Koresponda servo, p. k. 287, **620 145 Sverdlovsk-145**

Pensiulo, iama instruisto de matematiko, dez. kor. kun esperantistoj el GDR: Johann Nickel, **414 038 Astrachanj,** per. Leningradskij, 78, w. 30

Komencanto, 34j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Ivan Oginskij, **228 443 Latvio,** p. Lielborne, Daugavpils raj.

Stefano Ivaniĉ, **295 400 obl. Zakarpatskaja g. Mukaĉevo,** ul. Gvardejskaja 117, 28j., dez. kor.

Ivan Ŝavkun, **603 111 Gorkij-A-111,** per. Motornij 2/5 kv. 12, dez. kor. tutmonde, kol. pm

Sergei Vershinin, Radischeva 34a-4, **Uljanivsk 432 021,** 23j., dez. kor. pri jogo k. t. p.

Studentino de filologio, 19j., dez. kor. kun gejunuloj tutmonde: Sigita Pakŝtaite, Litovio, **235 110 Ŝeduva,** Kedainiu 72

22j. laboristo dez. kor. tutmonde pri popolaj proverboj, fabeloj, kol. librojn: **690 039 Vladivostok,** av. 100-let Vladivostoku 103, E-klubo

22j. studento-radioteknikisto dez. kor. tutmonde p. ĉ. t. kun gejunuloj pri vojaĝoj, kol. esperantaĵojn: Aleksandro Ŝĉerbakov, **690 039 Vladivostok,** av. 100-let Vladivostoku 103, E-klubo

24j. laboristo-komputisto-programisto dez. kor. pri ekonomio, kibernetiko kun gesam. el Japanio, Kanado, Usono, Aŭstralio, kol. librojn, bk: Vadim Sokolov, **690 035 Vladivostok,** ev. 100-let Vladivostoku 103, E-klubo

## Usono

Pensiulo dez. kor. kun kuracistino: Leon Montgomery, Box 932, **Orlando,** FL, 32802-0932

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. sc. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, 9400 Aue,
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16